13 a JARO — MAJO - JUNIO 1922 — N. 5—6

# Brazila ★ Esperantisto

OFICIALA ORGANO DE
BRAZILA LIGO ESPERANTISTA
REDAKCIO—Praça 15 de Novembro, 101
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO



## ESPERANTO TRIUMFONTA

Petu al Brazila Ligo Esperantista au al s-ro Teo Jung (Köln-Horrem. Germanujo) ekzempleron de la speciala numero de tiu semajna gazeto pri la NACIA EKSPOZICIO MEMORIGA de LA UNUA CENTJARO DE L' BRAZILA SENDEPENDECO, okazonta en Rio de Janeiro

(7 Septembro 1922-31 Marto 1923).

# BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

**(Liga Esperantista Brasileira)**

**B. L. E.**

*(Reconhecida de Utilidade Publica por Decreto n. 4356, de 26 de Outubro de 1921)*

Unuiĝo Kreas Forton

## ESTATUTOS

Art. 1º — A BRAZILA LIGO ESPERANTISTA (B. L. E.), fundada em 21 de Julho de 1907, com séde na cidade do Rio de Janeiro, tem por fim :

a) Dirigir a propaganda geral do Esperanto no Brasil;

b) Fazer propaganda do Brasil no estrangeiro por meio do Esperanto ;

c) Colligar e auxiliar os grupos esperantistas ;

d) Organizar regulamentos para exames de Esperanto e dar os respectivos diplomas ;

e) Promover a creação de cursos superiores e por correspondencia ;

f) Representar a opinião dos esperantistas brasileiros que lhe forem filiados :

g) Superintender a organização de congressos brasileiros de Esperanto ;

h) Editar o BRAZILA ESPERANTISTO.

Art. 2º — A «Brazila Ligo Esperantista» consiste de:

a) Socios fundadores ;

b) Socios isolados ;

c) Socios bemfeitores ;

d) Socios honorarios ;

e) Grupos filiados (sociedades, associações, clubs, etc.)

§ 1º — São socios fundadores todos os que se achavam quites em 13 de Dezembro de 1913.

§ 2º — São socios isolados todos os que pagam uma contribuição annual de 5$000.

§ 3º — E' socio bemfeitor toda a pessôa que fizer á B. L. E. uma doação de, pelo menos, 200$000.

§ 4º — E' socio honorario toda a pessôa que prestar grandes serviços á B. L. E. Este titulo será dado por um congresso brasileiro de Esperanto.

§ 5 — São grupos filiados todos os que, acceitando este regulamento, pagam uma quota annual de, pelo menos, 15$000, correspondente a seis socios, a razão de 2$500 cada um.

§ 6º — Os pagamentos são feitos adiantadamente.

Art. 3º — A «Brazila Ligo Esperantista» não intervem nas questões que dizem respeito á vida interna dos grupos filiados, que podem livremente agir, segundo os seus estatutos.

Art. 4º — Os socios têm direito a :

a) Receber gratuitamente o «Brazila Esperantisto», orgam official da B. L. E.

b) Gosar de abatimento nos livros ou outras publicações feitas pela B. L. E.

1º — Os grupos filiados podem, gratuitamente, publicar no orgam official informações sobre o movimento esperantista local.

Art. 5º — A «Brazila Ligo Esperantista» reunir-se-á em sessões ordinarias de trez em trez mezes, nas quaes tomarão parte os membros da directoria, os socios isolados e os delegados dos grupos filiados.

§ 1º — Os membros da directoria e os socios isolados têm direito a um voto cada um.

§ 2º — Os delegados de grupo filiado têm direito a tantos votos quantas vezes a contribuição total do grupo contiver a quota annual de um socio isolado. Esses votos poderão ser accumulados por um delegado ou repartidos por dois ou mais.

Art. 6º — A «Brazila Ligo Esperantista» será dirigida por uma directoria composta de um presidente, um vice-presidente, um secretario geral, dois secretarios e um thesoureiro.

§ unico — A directoria será eleita durante os Congressos Brasileiros de Esperanto, ou em assembléa geral se houver um intervallo superior a dois annos entre dois Congressos.

.......................................................

## ESTRARO de B. L. E.

*Honora prez* — D-ro Everardo Backheuser.
*Prezidanto* — Ing. A. Couto Fernandes.
*Vicprezidanto* — D-ro Venancio da Silva.
*Generala sek* — Ing. H. Motta Mendes.
*1ª sek* — S-ro Odillo Pinto.
*2ª sek* — F-ino Yrany Baggi de Araujo.
*Kasisto* — S-ro E. Felix Tribouillet.

———

## GRUPOJ ALIĜINTAJ AL «B. L. E.»

1. BRAZILA KLUBO «ESPERANTO». (1906) Sidejo · *Praça 15 de Novembro, 101, Rio de Janeiro.*
2. ESPERANTO - KLUBO DE ARACAJU'.(1907). Sidejo. *Aracajú, Sergipe.*
3. VIRINA KLUBO. (1912) Sidejo : *Rua General Severiano, 170, Rio de Janeiro.*
4. GRUPO ESPERANTISTA «COUTO FERNANDES». (1914). Sidejo: *Rua Collares Moreira, 116' S. Luiz. Maranhão.*
5. NOVA SAMIDEANARO. 1919). *Rua Tristão Gonçalves, 246. Fortaleza. Ceará.*
6. ESPERANTISTA RONDETO «VERDA STELO» (1919). *São Bonifacio. Correio de Theresopolis. S. Catharina.*
7. VERDA STELARO. (1920). *Rua Paysandú, 781. Pelotas. Rio Grande Sul.*
8. ESPERANTISTA GRUPO «ENERGIO».(1921). *Instituto Historico e Geographico. Belém. Pará'.*
9. LABORISTA ESPERANTISTA GRUPO. (1921). *Senador Pompeu, 160. Rio de Janeiro.*

———

## Tarifo por anoncoj

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | Paĝo ............ | 40 | Fr. | francaj. | 24$000 |
| 1/2 | » ............ | 25 | » | » | 15$000 |
| 1/4 | » ............ | 13 | » | » | 8$000 |
| 1/8 | » ............ | 8 | » | » | 5$000 |
| 1/16 | » ............ | 5 | » | » | 3$000 |

Rabatoj : 2 enpresoj 5 %, 3 enpresoj 10 %, 6 enpresoj 20 %.

Procento al la anonckolektantoj 10 %.

# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

13-a Jaro — Numero 5-6

| Aliĝo al B. L. E. 5$000<br>Jarabono eksterlande Fr. 5<br>(Franca valoro) | Majo-Junio 1922 | REDAKCIO—Praça 15 Novembro, 101<br>RIO DE JANEIRO — BRAZILIO |
|---|---|---|


## LA NOKTO

**(Daktiloj)**

*Al D-ro Couto Fernandes*

La lastaj radioj de l'suno ravanta
malgaje mortadas sur la horizonto...
La ronda vizaĝo de l'nokta reĝino
mokeme rigardas post supro de monto.

Jam alte vekiĝis la floroj ĉielaj,
la spaco senfina per ili rebrilas;
trankvile dormadas la floroj surteraj,
la sunon nun ili en sonĝoj revidas.

La vento kompleza saluton alportas
de l'ondoj arĝentaj de ĉarma lageto;
kaj pluen ĝi flirtas, kaj ŝerce ŝancelas
la lacajn foliojn de ia arbeto.

Kaj kanto mirinda malsupre aŭdiĝas
pri amo, lunlumo, pri ora juneco;
la larmon sopiran, maldolĉan fluigas;
Ho, ĉu vi revenos, senzorga gajeco?

Vastbranĉa tilio ripozon proponas.
Malsupre perdiĝas la kanto ĉarmeca...
En rava revado la tagoj revenas
gajegaj, sunplenaj, de l'tempo juneca.

Mi dolĉe ekdormas...Ho, nokto majesta!
la dormon fortigan vi al ni venigas.
Post tagoklopodoj vi, nokto benplena!
je l'paco trankvila la mondon plenigas.

*Theodoro Al. Doleys*

## LA VORTOJ DE LA KREDO

**Schiller**

Tri vortojn gravegajn mi diros al vi,
De buŝo al buŝo transiras;
Sed ne de l'ekstero devenas la tri,
El koro ni ilin eltiras.
La homo fariĝas seninda, se ĝi
La kredon je ili mortigis en si.

*Libera* estadas la hom', eĉ se ĝi
Naskiĝus en ĉenoj, en pezaj;
Vin ne erarigu de bando la kri',
Nek faroj de uloj frenezaj.
Ne homon liberan ektimu ja vi,
Sed sklavon, ĵetantan katenojn de si.

La *Virto* ne estas malplena sonor',
Kaj povas ni ĝin praktikadi,
Kaj eĉ se ni ĉie faletus, la kor'
Ĝin povas ja ĉiam celadi;
Kaj kion ne vidas saĝula kompren',
Ĝin faras infana animo sen pen'.

Kaj *Dio*—Gi estas, la sankta Bonvol'!
La volo de hom' ŝanceladas,
Sed super la tempo kaj spac' al konsol'
Plej alta Ideo restadas.
Kaj kvankam eterne ŝanĝiĝas la mond',
Persistas trankvila spirit' en la rond'.

La gravajn tri vortojn konservu al vi,
De buŝo al buŝo transiru;
Sed ne de l'ekstero devenas la tri:
El la kor' vi ilin eltiru.
La homo konservas la indon, se ĝi
La kredon je ili kunportas en si.

(El la germana lingvo tradukis
*Francisco V. Lorenz*)

## KORO KAPTITA

Iam fraŭlino Rozo promenadis en la ekflorintaj kampoj de la fantazio. Ŝi vidis koron, kaj alkuris por kapti ĝin.

Iu diris al ŝi :

— Ne prenu la kompatindan ! Kion vi faros el ĝi ?

Ŝi vigle respondis :

— Mi metos ĝin en kaĝon, kaj ĝin mi gardos.

— Vi ne devas fari tion. Certe al vi ne plaĉus esti enfermita en kaĝo, kaj neniam plu trakuri la ekflorintajn kampojn de la fantazio.

Fraŭlino Rozo montris sian bruston.

— Jen estas la kaĝo.

Tial oni permesis, ke fraŭlino Rozo kaptu la koron.

*Laŭ angla rakonteto por infanoj aranĝis.*

*La Forgesito.*

## Anekdotoj

*Dum ekzameno en unuaklasa lernejo.*

*La instruisto* : — Diru la nomojn de kelkaj insektoj.

*La lernanto* : — La abelo... la muŝo...

*La instruisto* : — Bone. Diru nun, kiu estas la diferenco inter la abelo kaj la muŝo.

*La lernanto* : — La abelo fabrikas la mielon...

*La instruisto* : — Tre bone. Kaj la muŝo ?...

*La lernanto* : — La muŝo... ĝin manĝas.

———

*La tedanta vizitantino* : — Hodiaŭ mi tre longe restis ĉe vi. Jam estas tempo foriri. Jam estas tre malfrue.

*La dommastrino* (*oscedante*) : — Estas pli bone malfrue, ol neniam.

———

— ¿Ĉu via edzo diras al vi ĉion konfidencie ?

— Jes. Li diras ĉiom, kiom li suspektas, ke mi jam scias pri li.

———

*La dommastrino al la nova servistino* :

— Atentu ke ni ĉiam matenmanĝas je la oka.

*La servistino* :

— Jes, sinjorino, sed se mi ne estus leviĝinta tiun horon, ne atendu min.

*F.*

## Brazila Ligo Esperantista

La 3 an de Junio okazis la 2ª ordinara kunsido de Brazila Ligo Esperantista sub la prezido de s-ro A. Couto Fernandes.

Post la legado de la protokolo de la lasta kunsido kaj de la korespondaĵoj la prezidanto raportis pri la lastaj okazintaĵoj,precipe pri la demandaro sendita de la Ligo de Nacioj, kiu jam estis detale respondita.

Poste oni decidis ke B. L. E. helpos la Centran Oficejon kaj la Monumenton al d-ro L. L. Zamenhof. Pri tiu ĉi oni devis atendi la anoncitan specialan numeron de «Esperanto Triumfonta».

Estas aprobita la raporto prezentita de d-roj Carlos Domingues kaj Nuno Baena favora al la aprobo de la bilanco de la kasisto.

Ĉestis la kunsidon, krom kelkaj izolitaj anoj, la reprezentantojn de la jenaj grupoj : Brazila Klubo Esperanto, Virina Klubo, Esperanta Klubo de Aracajú, Nova Samideanaro, Verda Stelaro kaj Esperantista Rondeto «Verda Stelo».

———

Ĵus aliĝis al Brazila Ligo Esperantista la laborema «Laborista Esperantista Grupo», kies sidejo estas en Rio de Janeiro.

Ĝiaj reprezentantoj ĉe la Ligo estas s-ro Antonio Vaz kaj f-ino Carolina Boni.

## Brazila Klubo «Esperanto»

*10ª Ordinara Estrara Kunsido en la 6ª de Majo de 1922.* — Prezidas d-ro Nuno Baena. La protokolo de la 9ª kunsido estas aprobita. La prezidanto informas pri la invito de «Laboristara Esp. Grupo», por ke B. K. E. partoprenu en ekskurso al Tijuca kaj pri la vizito de hispanaj samidenoj preterpasantaj la ĉefurbon.

### ESPERANTA LIGILO

*Monofero por «Esperanta Ligilo», porblindula gazeto*

| | |
|---|---|
| Antaŭa sumo.................... | 23$000 |
| S-ro Theodoro A. Doleys.......... | 5$000 |
| S-ro Odillo Pinto................ | 2$000 |

## 7.a Brazila Kongreso de Geografio

Kiel okazis en la antaŭaj kongresoj, la 7ª Brazila Kongreso de Geografio, ĵus okazinta en Parahyba, aprobis deziresprimon pri la uzo de Esperanto en la internaciaj kongresoj. Tiu propono estas prezentita de d-ro Simoens da Silva, reprezentanto de B. L. E. ĉe tiu kongreso.

## XIVª Universala Kongreso de Esperanto

Brazila Ligo Esperantista kaj Brazila Klubo «Esperanto» aliĝis al la XIVª Universala Kongreso de Esperanto, okazonta en Helsinki (8—16 de Aŭgusto). Ilia reprezentanto estas s-ro Enrique Legrand, oficiala delegito de Urugvaja Respubliko al tiu kongreso.

## Conferencia de Genebra

Por iniciativa do Instituto Pedagogico Jean Jacques Rousseau, da Universidade de Genebra, reuniu-se nesta cidade, de 18 a 20 de Abril ultimo, a Conferencia Internacional de Professores, com o fim especial de resolver os meios mais efficazes de introducção do Esperanto nas Escolas.

Essa conferencia, que teve um grande successo, reuniu professores de 27 paizes, representantes de 16 governos e de 25 instituições e organizações internacionaes.

As sessões foram presididas pelo sr. Ed. Privat, tendo o sr. Eric Drummond, secretario geral da Liga das Nações, pronunciado um discurso que foi muito applaudido.

Foram votadas moções a respeito do ensino do Esperanto entre os escoteiros, policiaes e enfermeiros da Cruz Vermelha, e um manifesto dirigido aos docentes do mundo inteiro, que publicamos na integra em outro local.

## A Liga das Nações e o Esperanto

Sir Eric Drummond, secretario geral da Liga das Nações, pronunciou as seguintes palavras, a 16 de Abril, no Palacio da Liga, em Genebra :

« Senhores ! Não se faz preciso que eu manifeste por palavras, o grande prazer que eu tenho em dar-vos as boas vindas á Secretaria Geral da Liga das Nações.

Sinto-me contente por ter podido conseguir todas as facilidades ao meu alcance, para que realizasseis a vossa Conferencia.

Viestes como representantes de muitos governos e de muitas instituições de educação, para tomar parte em uma conferencia sobre o ensino do Esperanto. Seja qual fôr a vossa opinião sobre o merito do Esperanto, como lingua auxiliar official, todos estareis de accordo em reconhecer que o espirito que dictou a convocação da Conferencia, é o mesmo que anima a Liga das Nações.

Collocados em campos diversos, todos nós nos esforçamos por obter melhor intercomprehensão e collaboração entre todos os povos.

E' um grande ideal, o nosso. A elle, homens de boa vontade teem dado e sempre darão um apoio dedicado.

Tendo em consideração este objectivo commum, sinto-me verdadeiramente feliz por ter conseguido que esta Conferencia se realize no edificio da Liga das Nações.

Existe, porém, outro motivo para que esta Secretaria se interesse por vossos trabalhos. No mez de Setembro ultimo, a Liga das Nações resolveu que a questão do ensino do Esperanto em todas as escolas do mundo, fosse discutida na terceira reunião, a realizar-se no proximo outomno. Para isto a Secretaria foi encarregada de preparar um relatorio completo das experiencias feitas e dos resultados obtidos. Para desempenhar-se deste encargo a Secretaria expediu um questionario, salientando o pedido de factos e estatisticas. Já estou de posse de muitas respostas, e exprimo os meus sinceros agradecimentos pelas informações remettidas, e por outras que certamente virão para que a Liga possa ter informações completas.

Estou certo que esta conferencia traz muita luz para a solução do problema que nos preoccupa e nos informará das experiencias feitas. Todo o material que conduzis será de muito valor para facilitar o desempenho da nossa missão.

Pondo de lado, porém, este ponto de vista especial, o laço do ideal que nos prende, induz-me, a mim, como Secretario da Liga das Nações, a fazer os melhores e mais sinceros votos pelo successo de vossa conferencia. »

## Nekrologo

### D-RO GUILHERME TAYLOR MARCH

En la 21ª de Junio mortis en Niteroi, je la aĝo de 84 jaroj, d-ro Guilherme March, fame konata kiel «kuracisto de la malriĉuloj».

Li estis unu el la plej malnovaj brazilaj esperantistoj kaj bone parolis Esperanton kaj multajn fremdajn lingvojn.

Granda popolamaso akompanis tiun bonfarinto al lia lasta ripozejo.

Al lia familio niajn kondolencojn !

### S-INO MARIA CHALRÉO

Ankaŭ en la sama monato mortis la malnova esperantistino s-ino Maria Chalréo. Ŝi eklernis Esperanton dum la jaro 1906 en la kurso malfermita en Colomy Club.

Ŝi estis anino de «Brazila Klubo Esperanto» kaj de «Virina Klubo», en kiu ŝi okupis la postenon de vicprezidantino.

En 1909 ŝi ricevis la diplomon de «Profesoro aprobita» kaj instruis Esperanton en privata kaj publika lernejoj. Eĉ preskaŭ mortanta ŝi parolis pri tiu tre kara lingvo.

Ŝian enterigon akompanis la prezidanto de B. L. E.

# Manifesto dos membros da Conferencia Internacional de Professores, reunidos na Secretaria da Liga das Nações, em Genebra, de 15 a 20 de Abril de 1922, aos docentes do mundo inteiro.

Nós, representantes de 16 governos e professores de 28 paizes, reunidos na Secretaria da Liga das Nações, em Genebra, saudamos fraternalmente aos collaboradores da obra de esclarecimento da mente humana.

Affirmamos nossa crença de que o actual e lastimavel estado em que se acha o mundo civilizado, repousa na falta de entendimento e desconfiança que separam os povos.

Affirmamos nossa convicção de que o unico remedio efficaz para este mal é a educação e o principio de approximação internacional, que é o objectivo da Liga das Nações.

Julgamos que uma das mais valiosas contribuições, para a solução do problema da reconstrucção do mundo, é a lingua internacional Esperanto, e affirmamos a nossa crença de que ella deve fazer parte do programma de educação em todos os paizes civilizados.

Desejamos que saibais o resultado de nossa experiencia no ensino do Esperanto nas escolas de paizes diversos.

Verificamos que o Esperanto serve perfeitamente para uso pratico, como lingua internacional, para todos os fins, quer empregado oralmente, quer por escripto, reclamados por qualquer lingua; e, que além disso, possue notaveis qualidades que provam o seu valor como instrumento pedagogico.

Tem valor como auxilio para o exacto emprego da lingua materna, demonstrado pela melhor pronuncia e dicção, melhor escolha de palavras e melhor conhecimento de sua significação, progresso na litteratura, e conhecimento dos principios grammaticaes.

Tem valor como auxilio para acquisição de outras linguas modernas e classicas, facilitando o trabalho e poupando o tempo do professor, explicando as fórmas grammaticaes, fornecendo raizes já conhecidas, e trazendo á tarefa da elocução a mente já preparada para exprimir-se em mais de uma lingua.

Em nossa opinião, deve-se ensinar o Esperanto ás creanças, como primeira lingua depois da materna, nas escolas primarias. Assim armaremos a creança, que deve sahir da escola o mais depressa possivel, com sufficiente conhecimento de uma segunda lingua para uso pratico; mostrariamos que todos os que se dirigem ás escolas secundarias, têm capacidade para continuar o estudo linguistico, e certificariamos que os que dispõe desta capacidade, começariam trabalho novo com a mente preparada, economizando tempo e obtendo melhores resultados em seus estudos ; e que os alumnos, que não tivessem inclinação para as linguas, ficariam senhores pelo menos de uma, e poderiam applicar-se a outros estudos sem preoccupação linguistica.

Verificamos que o conhecimento do Esperanto despertou em nossos alumnos um sentir mais real e uma consideração mais elevada, ao estudo da geographia, da historia universal, da educação moral; maior e mais intenso interesse pelos povos e por seus costumes, sua litteratura, sua arte, e tambem pela paz universal. Tudo isto foi auxiliado principalmente pela troca de cartas, cartões postaes illustrados e desenhos, com creanças de todos os paizes, pela leitura de jornaes internacionaes em Esperanto, pelo estudo da litteratura estrangeira, vehiculada pela lingua internacional. Os alumnos podem estabelecer correspondencia, depois de alguns mezes de estudo. A vantagem desta correspondencia consiste em que ella não se limita a um paiz, mas, e é frequente a observação, os alumnos têm, ou podem ter, correspondentes em muitos paizes de linguas completamente differentes.

Com duas licções, de uma hora cada uma, por semana, os alumnos podem obter sufficiente capacidade para fazer uao da lingua, dentro de um anno, o que não conseguem senão depois de tres annos com outra lingua qualquer.

Submettemos estas observações á vossa ponderada consideração, e cordialmente recommendamos accelerar o ensino do Esperanto, não só por sua utilidade no commercio, nas sciencias e no movimento internacional, mas tambem por seu valor como estimulo ás amigas relações entre todos os povos, que é o verdadeiro objectivo da Liga das Nações.

## Kurso de Esperanto por policanoj

En la Centra Policejo de Rio de Janeiro, funkcias regule praktika kurso de Esperanto direktata de d-ro Nuno Baena, laŭ permeso de la policestro, d-ro Geminiano da Franca. Tiu kurso celas prepari kelkajn policanoj por helpi la fremdajn vizitantojn al la Nacia Ekspozicio.

Al ĝia inaŭguracio ĉeestis la Generala Inspektoro de la Civila Polico, kapitano Arthur Soares.

Kunhelpis la organizadon de tiu kurso d-ro Washington Garcia, direktoro de «Curso Propedeutico».

## Monumento al d-ro Zamenhof

La XIII[a] Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Praha dum Aŭgusto 1921, decidis, ke estas necese konstrui taŭgan monumenton sur la tombo de d-ro L. L. Zamenhof kaj rekomendas la projekton de la subaj iniciatintojn al la sindona subteno de la tutmonda Esperantistaro.

### Listo de la Iniciatintoj :

Prof. Th. Cart, Paris : d-ro W. Róbin, Warszawa ; generalo Sebert, Paris ; s-ro Ed. Stettler, Bern.

### Organiza Komitato :

J. M. Warden, Edinburgh, Skotlando ; W. M. Page, Edinburgh, Hon. Kasisto ; J. D. Applebaum, Liverpool, Hon. Sekretario.

S-ro Applebaum, submetante la proponon al la Kongreso diris interalie : « Kiel fidelaj Esperantistoj, kiuj forte kredas je la estonteco de Esperanto kaj ĝia fina triumfo kiel monda helpolingvo, ni havas nenian dubon, ke tiu modesta sed sankta peco da tero, kie kuŝas la cindroj de nia Majstro, fariĝos centro de tutmonda pilgrimado por la estonta generacio. Memorante tion, ni, kiuj havas la privilegion nuntempe plisanktigi tiun pecon da tero per nia laboro por la kara afero, ne devas preterlasi la okazon de konstruo sur tiu peco da tero edifoplenan monumenton, kiu rakontos al la estontaj pilgrimantoj pri la amo kaj estimo, kiujn ni sentis al la kreanto de Esperanto. »

La komitato organizis tutmondan monkolekton per sistemo de kuponkartoj.

Ĉiu kupon-karto konsistas el 20 kuponoj, kiuj valoras 1$600 kaj estas la sola kvitanco donota al la pagintoj.

Brazila Ligo Esperantista baldaŭ ricevos por disvendado kelke da kupon-kartoj kaj ĝi esperas ke ĉiu esperantisto aŭ amiko de Esperanto loĝanta en Brazilio mendos almenaŭ unu kuponon.

La nomoj de la pagintoj aperos en Brazila Esperantisto kaj estos senditaj al la Organiza Komitato.

## Esperantista Akademio

«AKADEMIA FAKO PRI KONKURSOJ KAJ PREMIOJ»

« Dum la vintro 1921-22 la Akademio ne « sin okupis pri premiado, ĉar ĝi ricevis nur « unu verkon por ekzameno kaj eventuala re- « kompenco. La kaŭzo estas sendube, ke nek « aŭtoroj, nek eldonistoj sufiĉe informiĝis pri « la Regularo. Utile estas do ĝin denove pu- « blikigi kaj konigi al la esperantista publiko.

— « Por eviti senutilan elspezon al aŭ- « toroj kaj eldonistoj—la rekompenco estas nur « honoro, — la sendado de la libroj estu farata « jena maniere : kun la prezento oni sendu :

« 1 ekzempleron al la Prezidanto de la « Akademio : Prof. Th. Cart, 12, rue Soufflot, « Paris.

« 1 ekzempleron al la Direktoro por kon- « kursoj kaj premioj : D-ro E. Privat, 2, Che- « min de Roches, Genève.

*D-ro Edmond Privat.* »

**Regularo pri verkoj rekompencotaj de la Akademio**

1. La Akademio rekompencas ĉiujare kelkajn verkojn rimarkindajn laŭ stila rilato.

2. La nombro de la kronitaj verkoj ne superas kvin (5).

3. Oni rajtas proponi por la rekompenco tradukojn, sed originalaĵoj estas preferataj de la Akademio.

4. La prezentataj verkoj devas esti publikigitaj en la lasta jardeko.

5. Nur libroj, kia ajn estas ilia amplekso, aparte eldonitaj, sekve ne gazetaj artikoloj, nek manuskriptoj, estas prezenteblaj.

6. Verkoj de Akademianoj ne estas rekompenceblaj.

7. La rajto de prezentado estas rezervita al la membroj de la L. K°, kiuj rajtas proponi ĉiu po du verkoj, kun konsento de la aŭtoroj.

8. La proponoj, montrante tre klare kaj precize la titolon de la verko, la eldonejon kaj la daton de la unua apero, devas esti sendataj al la C. Oficejo (51, rue de Clichy, Paris) *antaŭ* la 1ª de Marto...

9. Akademio komisio elektos, post la legado de ĉiuj proponitaj verkoj, la dek plej bonajn.

10. La plena Akad., post raporto de la komisio, elektas la 5 rekompencotajn.

## Kroniko

CEARÁ. — *Fortaleza*. En la 7ª de Majo okazis ordinara kunsido de «Nova Samideanaro» sub la prezido de s-ro Eurico Pinto. Oni decidis: Danki s-ron Sophocles Torres Camara, kiu decidis aperigi esperantan fakon en «Almanako do Ceará» kaj s-ron Gastão Justa, kiu malfermis esperantan fakon en la revuo «Ceará Social», kies direktoro li estas; elekti s-ron Cezar Braga provizora kasisto kaj direktanto de la agentejo de libroj, gazetoj kaj revuoj de la klubo.

La prezidanto homisiis s-ron Clovis Vasconcellos, inspektoron de la federaciaj monkolektejoj, por propagandi Esperanton en la interno de l'Ŝtato, kiel reprezentanton de la klubo.

— La gazeto «O Mercurio» publikigis artikolon de s-ro Eurico Pinto titolitan «Esperanto kaj la programoj de instruado» kaj alian, de s-ro Cezar Magalhães pri «Esperanto kaj la Instruado».

BAHIA. — *S. Salvador*. En la salono de «Estrella do Oriente» (Orienta Stelo) f-ino Leonora Sterling Holsapple ĉiumerkrede parolas pri la doktrino de Abdul-Baha kaj faras kurson de Esperanto. Ŝi intencas fondi esperantan grupon aliĝontan al B. L. E.

ESPIRITO SANTO. — *Victoria*. La ĵurnalo «Diario da Tarde» parolis pri la apero de la speciala numero de «Esperanto Triumfonta».

S. PAULO. — *S. Paulo*. Laŭ iniciativo de s-ro inĝ. G. Arthur Brown fondiĝis, je la 1ª de Majo, esperantista societo nomata «Grupo Esperantista de S. Paulo», kiu baldaŭ aliĝos al B. L. E. Jen ĝia estraro: Prez.—s-ro G. Arthur Brown, sek.—f-ino Jess Justice kaj kas.—f-ino Rita d'Oliveira Algodoal.

RIO DE JANEIRO. Ĉe la alveno de la kuraĝegaj kaj kleraj portugalaj aviadistoj s-roj Gago Coutinho kaj Saccadura Cabral, kiu brilege aerveturis de Lisbono ĝis Rio de Janeiro, prezentis al ili la bonvenon de la brazilaj esperantistoj la estraro de Brazila Ligo Esperantista.

— La 7an de Majo okazis promenado al la supro de Tijuca organizita de «Laborista Esperantista Grupo», kiun partoprenis ankaŭ multaj laboristoj neesperantistaj. Ĉiuj kunportis esperantajn flagetojn kaj, dum la vojaĝo oni kantis la laboristan kaj esperantistan himnojn. Post vizito al kelkaj belegaj lokoj s-ro Antonio Vaz, sekretario de l' grupo, per entuziasmaj vortoj, montris ke Esperanto estas la komplemento de la proletariaj aspiroj de egaleco kaj frateco kaj donis la parolon al d-ro Nuno Baena, prezidanto de B. K. E., kiu faris belan paroladon en Esperanto. F-ino Carolina Boni kantis belan italan kanton, laŭ esperanta traduko, kaj ĉiuj rekantis la himnojn.

Revenis al Rio de Janeiro d-ro Simoens da Silva, kiu reprezentis Brazilan Ligon Esperantistan ĉe la 7ª Brazila Kongreso de Geografio okazinta en Parahyba.

— Aliĝis al B. L. E. la Laborista Esperantista Grupo, kies reprezentantoj estas s-ro Antonio Vaz kaj f-ino Carolina Boni.

Ĝi decidis elekti temojn diskutotojn dum siaj kunvenoj. Jen estas la temo diskutita en sia lasta kunveno: «Kiu estas la plej bona rimedo por starigi la fratecon inter la popoloj?» Parolis s-roj Antonio Vaz kaj Sebastião Augusto.

— La 20an de Junio, ĉe s-ino Romana Forster Vidal, prezidantino de Virina Klubo, okazis la 48a kunveno de tiu malnova societo. Partoprenis en la muzika kaj literatura partoj f-inoj Marietta Bezerra kaj Maria J. Pourchet kaj la geknaboj Cecilia Padilha, Moutinho kaj David de Souza.

— La 30an de Junio okazis ĝenerala kunveno de Brazila Klubo «Esperanto» por la elekto de nova estraro, kun la jena rezultato: Prez. — d-ro Nuno Baena (reelektita), vicprez. — subkolonelo José Azevedo Silveira Sobrinho, 1ª sek. — f-ino Esther E. Bloomfield, 2ª sek. — f-ino Maria Luiza Bocayuva; 1ª kas.—f-ino Yrany Baggi de Araujo kaj 2ª kas.—s-ro Paulo Fragoso.

Estas ankaŭ elektita la jena konsilantaro: s-roj generalo Manoel Portilho Bentes, d-ro Venancio da Silva, inĝ. Antonio Carlos de Arruda Beltrão, inĝ. H. Motta Mendes, Odillo Pinto, E. Felix Tribouillet, Arminio de Moraes, Braulio de Moraes, Ismael Gomes Braga, kaj f-ino Sophia Monteiro de Barros.

Estas aklamita honora ano s-ro generalo J. M. Moreira Guimarães.

La enoficigo okazos en la 15ª de Julio.

— La ĵurnaloj publikigis la paroladon de s-ro Eric Drummond, ĝenerala sekretario de Ligo de Nacioj, la opinion de s-ro profesoro Aulard kaj la manifeston aprobitan de la Konferenco de Profesoroj okazinta en Genevo.

A. C. F.

## O Esperanto no Estrangeiro

INGLATERRA. *Liverpool.* — Na séde do grupo esperantista, o professor Collinson realizou importante conferencia sobre a estructura das palavras em Esperanto; agrupou as linguas em cathegorias distinctas, fez commentario discriminador sobre cada uma, provando que o Esperanto pertence ao grupo agglutinativo. Analysou tambem a theoria de René de Saussure e contrastou-a com a pretenção dos idistas.

*Oxford.*—O Snr. Jackson Cobsman pronunciou enthusiastica allocução na «*Adult School*», a 19 de Março, sobre o «Esperantismo ou Christianismo pratico». Como consequencia foi logo aberto um curso de Esperanto.

*Birmingham e Bourneville.* — A «Mezlanda Federacio» elegeu a Senhorita Kate Woodhouse para representar a B. E. A., na Conferencia dos professores, em Genebra. Grande interesse despertou o exame de dois meninos, alumnos do Collegio São Paulo, que descreveram em esperanto um quadro sobre a taboa, e responderam a perguntas nesse idioma com rapidez e clareza.

*Edimburgo.* — A Sociedade Esperantista organizou novamente a habitual exposição, durante as reuniões da «Skota Edukada Asocio»; em Setembro e durante o inverno conferencias illustradas por projecções luminosas sobre viagens ao estrangeiro: a attenção do publico foi attrahida pelas facilidades ministradas pelo Esperanto.

O Snr. Page apresentou interessante relatorio sobre a Conferencia de Genebra.

FRANÇA. *Paris.* — Mediante concessão da Camara Commercial, o Grupo Esperantista utilizou-se de duas barracas na Feira Parisiense; a Commissão organizadora da Feira remetteu para o estrangeiro varias circulares redigidas em esperanto e affixou cartazes nesse idioma.

— Algumas lojas maçonicas chamaram a attenção do Conselho do Grande Oriente de França, para a utilidade da adopção do Esperanto nas relações internacionaes maçonicas, e sobre a introducção do estudo dessa lingua nas escolas.

A «Ordeno de Orienta Stelo», periodico theosophista francez, publicou um convite aos membros da Sociedade Theosophica para estudarem e propagarem o Esperanto.

O «Verda Kato» annunciou aos seus amigos e apreciadores a representação da peça classica de Molière — *La Kuracisto Kontraŭvola.*

ALLEMANHA. — O Ministerio do Interior, a 2 de Fevereiro ultimo, autorizou o Instituto de Esperanto de Saxe a se intitular — «Instituto de Esperanto da Republica Allemã».

SUECIA. — A Sociedade vegetariana «Gefratbando» resolveu adoptar para sua correspondencia o Esperanto em concurrencia com as linguas sueca, norueguesa e dinamarqueza.

*Bjornas.* — Na reunião do Club Operario foi deliberado, após uma discussão sobre linguas mundiaes, o ensino e uso pratico do Esperanto.

DINAMARCA. *Copenhague.* — A «Liga Central Esperantista Dinamarqueza» organizará nesta cidade, em 2I e 22 de Agosto proximo, um congresso dos «samideanos» nacionaes e estrangeiros, que tiverem comparecido aos Congressos de Helsinfors (8 a 16 de Agosto) e de Stockolmo (18-19 de Agosto).

AUSTRIA. *Vilna.* — A 8 de Maio ultimo, no palacio da Municipalidade, as sociedades esperantistas viennenses congregaram os seus representantes e os adeptos e sympathicos á causa esperantista, em assembléa de cêrca de 1.200 circumstantes, entre os quaes o prof. Zuck, representante do Ministro da Instrucção Publica; o prof. Schumann, da Academia Technica; o prof. Longo, da Sociedade Austriaca para a Liga das Nações; o Dr. Weiss, pela Associação Commercial de Vienna; o Dr. Blahy, pela Feira Internacional de Vienna; o Revmo. Mestan, pelo povo catholico, etc. O prof. Otto Simon, da Academia de Commercio, depois de salientar em eloquente allocução a importancia de um Congresso esperantista internacional, nessa capital, formulou a proposta para a reunião do mesmo no verão de 1924; foi acceita unanimemente, com grandes applausos, a importante proposta. D'entre os notaveis discursos, que succederam á importante resolução, destacaram-se os do prof. Dr. Jokl, que proporcionou aos não esperantistas, o ensejo de apreciarem a bella sonancia da lingua artificial; o do Snr. Borek, redactor da gazeta tcheque «Delnické Listy», sobre a inauguração de uma secção esperantista de duas columnas, semanalmente, n'aquelle periodico; o do Snr. Kornmuller, da secção austriaca da Internacional de Barbusse (ex-militares e victimas da guerra); o do Snr. Stanislavsky, sobre a fundação e desenvolvimento de soc. Esper. Policial em Vilna; finalmente o do representante dos funccionarios ferro-viarios de Vienna, declarando que entre elles (7.000 empregados e operarios) actualmente o movimento esperantista ganha accelerado e vultuoso incremento, impellindo-os a organizarem, no 16º Congresso, uma secção internacional, especialmente para os interesses dos ferroviarios. Na vasta antecamara do palacio ostentava-se rica exposição sobre litteratura, assumptos e varios objectos esperantistas.

HUNGRIA. — Foi inaugurada com grande solemnidade, a 30 de Abril p. p., a Soc. Esperant. do Proletariado Hungaro. Foi hasteado o estandarte offe-

recido pelo Snr. Ladislau Izso, ao som de estrepitosos applausos e acclamações dos representantes de todas as associações proletarias hungaras, congregadas por intermedio de seus representantes, afim de impulsionarem a divulgação do Esperanto em favor da causa commum. Foi cantado o «Espero» e depois a senhora Heffman declamou, sob o estandarte inaugurado, a «Preĝo». Foi representada a «Solecaj animoj». Fez-se ouvir um solo a violino pela Sta. Anci Rozsa e finalmente começaram as danças, que se prolongaram até á madrugada.

POLONIA. *Varsovia.* — Estava annunciado para 3 de Junho a abertura solemne do 1º Congresso Esperantista Polaco. Delineado sob um programma algum tanto original, elle discrepa das normas seguidas nos anteriores Congressos, pelo realce que imprime ás possibilidades litterarias do Esperanto, aliás conhecidas, mas ainda não patenteadas em certame congressual.

Entre os diversos artigos do programma, destacam-se os seguintes:

Fundação de um Instituto Esperantista Polaco.

Exames para obtenção de diplomas professoraes, mediante defeza de these e prova oral.

Os assumptos das theses serão historicos e litterarios. Os primeiros versarão sobre: (a) Exposição concisa sobre todos os projectos de lingua internacional. (b) Movimento esperantista durante a guerra. (c) Tendencia para organização internacional na historia do Esperanto. (d) Esperanto na vida pratica com accentuação especial sobre os ultimos successos, principalmente nas Escolas. (e) Biographia concisa do Dr. L. L. Zamenhof.

Os segundos versarão sobre: (a) Estylo comparado de tres prosadores famosos. (b) Significação de affixos em Esperanto. (c) Bibliographia e critica de obras apparecidas durante a guerra. (d) Diversos methodos de instrucção do Esperanto. (e) Esperanto como divulgador mundial das perolas litterarias nacionaes.

CHINA. — A Associação dos Professores, na sua reunião annual, deliberou que o Esperanto seja *obrigatoriamente* ensinado nas Escolas.

BOLIVIA. *Oruro.* — Graças aos esforços do Snr. Modesto Millán G., fundou-se, no dia 10 de Junho, a *Bolivia Esperanto Asocio.*

V. S.

## La Leipzig-a Printempa Foiro 1922

La Leipzig-a Printempa Foiro okazinta dum marto 1922 inter ĉiuj foiroj, kiuj ĝis nun okazis en kaj ekster Germanujo, okupas apartan rangon, ĉar neniam ĝis nun iu ajn foiro montris similan multnombran partoprenon aŭ simile grandan aĉeton kaj vendon de komercaĵoj. 155.000 komercistoj vizitis la Foiron, kiuj nature ĉefe apartenis al la Germanaj industriistaro kaj komercistaro, sed grandparte ili ankaŭ estis eksterlandanoj. Ĉirkaŭ 32.000 foiruloj venis el negermanaj ŝtatoj: el Egiptujo 50, Afriko 10, Ameriko 1.210, Azio 210 (el Ĉinujo 40, Japanujo 90, Hindujo 10, Persujo 20 vizintintoj) Aŭstralio 10, Belgujo 1.110, Bulgarujo 290, Danujo 1280, Danzig 90, Anglujo 2.320, Estonujo 100, Finnlando 220, Francujo 860, Georgujo 10, Grekujo 170, Holando 5.060, Italujo 1.280, Jugoslavujo 400, Letonujo 360, Litovujo 70, Luksemburgo 100, Memeldistrikto 10, Norvegujo 530, Aŭstrujo 3.050, Polujo 820, Portugalujo 60, Rumanujo 540, Rusujo 350, Svedujo 1.550, Svisujo 1.880, Hispanujo 610, Ĉekoslovakujo 5.790, Turkujo 170, Ukrajna lando 120, Hungarujo 990, Armenujo 30, krome ĉirkaŭ 100 personoj el aliaj nacioj. Tia vizitintaro denove evidentigas la internacian karakteron de la plej granda foiro de l'mondo kaj pruvas denove, ke la malnova Leipzig-a Foiro estas kaj restas la granda internacia merkato, grave ne nur por la germana aŭ mezeŭropa vizitintaro, sed por la tuta mondo. La internacieco de la Foiro montriĝis ne nur per la aĉetintaro, sed ankaŭ per la ekspozintaro; ĉar inter la 700 eksterlandaj ekspozintoj, kiuj estas enkalkulitaj en la nombro de la 12.800 ekspozintoj, ĉitiujare estis reprezentataj ne nur la eŭropat ŝtatoj, sed ankaŭ transmaraj landoj produktantaj krudajn materialojn, ekz. la Sudafrika Unuiĝo; tio estas atentinda progreso sur la vojo al ĉionampleksa mondfoiro.

Al la grandega nombro de l' vizitintoj korespondis la komercado, kiun partoprenis la en- kaj eksterlandaj vizitintoj kun same forta aĉetemo. La eksterlandaj foiruloj profitis per la malalta valuto, la enlandaj foiruloj aĉetis tre avide, pro la minacanta plialtiĝo de l' prezoj. Oni havis la konvinkon, ke oni nenie povas aĉeti tiom sufiĉe kiel en la Leipzig-a Foiro. Pro la grandega aĉetemo la disponebla materialo de la plej multaj branĉoj estis elĉerpita jam dum la unuaj tagoj kaj ankaŭ la novaj produktotaĵoj de la sekvantaj monatoj, eĉ ĝis la fino de l' jaro, estas elĉerpitaj. Tio, kion oni ofertis dum la Leipzig-a Foiro— kaj en la Specimenfoiro en la centra urbo, kaj en la Foiro por Tekniko kaj Konstrufako sur la ekspozeja teritorio— estis bonkvalita kaj pro tio tre dezirata. La foiraj specimenoj donis klaran bildon pri la tutgermana produktado kaj pri multaj gravaj eksterlandaj produktaĵoj. Precipe dum ĉi tiu foiro oni denove vidis, ke la loka kaj tempa kunigo de ĉiuj foiraj aferoj donas grandan avantaĝon.

## Novaj gazetoj ricevitaj

INFORMA BULTENO, de la «Barcelona Esperanta Societo» (B. E. S.). Oficiala organo de la Societo. Sendata senpage al la protektantoj. (Minimume: 5 pesetas jare). La esenca kaj nura celo de la Societo estas la propagando de la Internacia Helpa Lingvo, speciale por la tutmondaj rilatoj sciencaj kaj komercaj. Adreso: *Rambla de Estudios, 12, pral. Barcelona. Hispanlando.*

LA VERO. Folha mensal para a divulgação do Esperanto entre o povo. Edição do Grupo *La Vero*. Oficejo: *T. da Agua de Flor 16—1° Lisboa—Portugal.*

SKANDINAVA ESPERANTISTO. (Reapero). Administranto: Skandinava Esperanto-Instituto. Redaktoro: Karl Fröding, *12.177 Ave. Rockford, Ill. U. S. A.* Jarabono: 50 cent.—1 sm.

TERISMO. Monata bulteno, dediĉita al serĉado de vojoj, celantaj al la realigo de vivo justa kaj harmonia. Eldonata en lingvoj esperanta kaj rusa. Adreso: *Moskvo (Ruslando)*, p. k. 663. S-ro *Stanislav Szabuniewicz*. Jarabono: 10 fr. frankoj.

## Bibliografio

NI RICEVIS KAJ TRE DANKAS:

O ESPERANTO COMO LINGUA INTERNACIONAL. Bonega parolado farita de d-ro Antonio Carlos de Arruda Beltrão, en la 1ª de Aŭgusto 1921, ĉe la kunsido de la Direktanta Konsilantaro de la grava asocio «Klubo de Inĝenieroj», kiu mem ĝin eldonis. Adreso: *Club de Engenharia— Av. Rio Branco—Rio de Janeiro.*

PER TOLBOATO., originala skizo de *Jotoka*. Ilustrita. Eldonita de Oskar Ziegler & K., *Marktredwitz (Bayern)*. Prezo 6 Mg., por altvalutaj landoj 100 °/₀ plialtigo.

BELA ILUSTRITA PROSPEKTO pri la *Leipzig'a Foiro*. Petu ĝin al «*Messamt fur die Mustermessen in Leipzig. Esperanto Fako. Markt. 4. Leipzig.*

GVIDLIBRO DE HAGO, kaj ĉirkaŭaĵoj. Belega ilustrita gvidlibro eldonita okaze de la 12ª Universala Kongreso de Esperanto (8-14 Aŭgusto 1920).

LA DEMANDO PRI LA PLIBONIGO DE LA MUZIKSKRIBO KAJ ĜIA SOLVO PER LA AŬTONOMA MUZIKNOTADO. Historio de la Muzikskribo kaj de la Ĉefaj provoj pri plibonigo. Verkita de *L. Cogen*, Vicprezidanto de la Belga Ligo Esperantista. Biblioteko de la Aŭtonoma Muziknotado. Presejo de «*Belga Esperantisto*». *45, Kleine Beerstr. Antverpeno, Belgujo.* Prezo: Fr. 0.50 (2 respondkuponoj).

PROSPEKTO pri la IIIª Internacia Foiro de Reichenberg. (12-20 Aŭgusto 1922). Petu ĝin al la *Messeamt Reichenberg. (Esperanta Fako). Tcheco-Slovakujo.*

LA SOLA SAVRIMEDO. Broŝureto de la Biblioteko de Teristo. N° 1. Adreso: *Moskvo (Ruslando), p. k. 663, Stanislav Szabuniewicz.*

DAS WELTSPRACHENPROBLEMUND DIE KATHOLISCHE KIRCHE. Von Hanus Sappl, Graz. Professor de Esperanto. *Paulus Verlag. Graz. Karmeliterplatz, N° 5, Aŭstrujo.*

LA LUKSDOMETO. Unuakta komedio tradukita laŭ permeso de la eldonisto de s-ino M. Fauvart-Bastoul. Tiu ĉi interesa komedio, bonega tradukita, estas verkita de s-roj H. Meilhac kaj L. Halévy. Ĉe la tradukistino: *62, str. Chabot Charny Dijon Cote d'Or. Kastelo de la Guilbarderie. Autry-le-Chatel Loiret. Francujo.* Prezo: 3.50 Fr.

ESPERANTO SPRECH-UND ABUNGSBUCH FUR SCHULE UND SELBSFUNTERSICHT. *Paulus Verlag. Karmeliterplatz, 5. Graz. Aŭstrujo.*

GERMANAJ POPOLKANTOJ. 15 — spesdeka Biblioteko Esperantista N-ro 7ª, Dua eldono. Eldonejo, *Ella Rothermal*, Friedrichswerth (Thür). Germanujo.

LA PLIBONIGO DE LA KALENDARO. Projekto de s-ro L. Cogen. Gent Belgujo. (Kunfando de la projektoj Armelin, Grosclande kaj Baar). Aldono al «Belga Esperantisto», n° 3—4. Marto-Aprilo 1922.

---

AL LA STUDENTOJ ĈIULANDAJ

Fondiĝis Esperanto Fako sub la protektorato de Landa Nacia Turul Asocio de Hungaraj Universitatoj kaj Ĉeflernejoj, kies celo estas la disvastigo kaj intensa kulturo de la lingvo esperanta sub la signo de la hungara nacia spirito. Ĝi intencas kunligiĝi kun la studentaro de la tuta mondo, fari grandan studentpropagandon, precipe koncerne la studentsociajn demandojn kaj la interŝanĝojn de studentoj. Samtempe komenciĝis kurso esperanta.

Esperantistaj universitatanoj kaj universitataj grupoj estas petataj interrilatiĝi kun ni laŭ adreso: Budapest, IV. Cherbutca 10.I. 5. (Hungarujo).

## Korespondado

S-RO FRIEDRICH NELLISSON, *Neuss a. Rhein, Niederstrasse, 58. Germanujo*, deziras korespondadi kun brazilaj esperantistoj.

S-RO ALEKSANDRO TRAHTEROV, *Harykovskaja 32. Bahmut, Ukrainio*, deziras korespondadi.

S-RO MANUEL SANTISO, *Apartado, 116, Santa Clara. Cuba*, deziras intersanĝi poŝtkartojn kun sudamerikanoj.

S-RO TAKEO KARAKAUA, ĉe *Dai—3 Kotogakko, Kioto, Japanujo*, deziras interŝanĝi PI, P.L., L. kaj monerojn ĉiulandajn kun gesamideanoj.

S-RO ICHIRO AOKI, 77/7 *chome. Kami-Tsuisui, Kobe Japanujo*, deziras interŝanĝi P.M. kaj P.K.L. (p.m. bfl.).

S-RO T. TEODOROV, *V. Kvartalo 69, Pleven, Bulgarujo*, deziras interŝanĝi P. K. Il. kaj Esp. gaz. Kontraŭ 5 milrejsoj aŭ 1 argentina aŭ urugvaja Peso, li sendos rekomendite 100 bulgaraj poŝtmarkojn (militajn, malnovajn, jubileajn). Vendas al ĉiulanduloj.





